# Konstru-Forumo 25

novembro 2010

Jan Werner <...@...>

## Enkonduke al la 25-a numero

Mi revenas al la diskutita „strategio de KF". Vi ĝenerale subtenis la ĝisnunan manieron de nia kolektiva agado, ankaŭ la apartajn taskojn disvolvatajn paralele al la ĉefa „solvado de vakantaj terminoj". Ĝuste la apartaj programeroj lastatempe kreskis (reviziado de la Bildvortaro Duden, de PIV, terminaroj kanalizacia, varmteĥnika, ladista) kaj eble ili kulpas pri malkresko de entuziasmo ĉe kelkaj el vi.

La strategio bezonas homojn sindonajn al la afero. Ni trovu internan ĝuon serĉi terminologiajn solvojn. La vojo al optimumaj rezultoj estu por ni prestiĝa mensa laboro, honesta luktado, speco de aventuro. Nia strategio bezonas tiun ĉi spiritan dimension, ĉar alikaze la KF-ado fariĝos por ni malagrabla ŝarĝo, kiam oni bedaŭras la tempon liveratan por kvazaŭ „nebezonata fakula balasto" (123 jarojn ja neniu ĝin postulis), dum la ceteraj esperantistoj amuzadas sin en „amika rondo samideana". Ĉu entute la strategio havas sencon? Pri la 10 taskoj en la 24-a n-ro (p. 159) preskaŭ neniu okupiĝis.

En la enkonduko al la 24-a KF mi plendis pri malhavo de kunlaborantoj en la gravaj lingvaj komunumoj (angla, germana, hispana ktp.), ankaŭ pri nescio, kiu estas la anaro de TAKE, kadre de kiu ni eble trovus iun kompetentan helpanton. Sed la informo el TAKE ne venis.

En tiu ĉi numero mi publikigas jam la 3-an tem-komplekson el la enciklopedio Duden (273). Denove estas prezentata la germana originalo kaj tri versioj de tradukoj. Elektu la tradukojn, kiujn vi preferas aŭ donu vian proponon. La diskuton pri la ampleksaj temoj Duden ni devas tempe limigi, por ke mi povu ĉiunumere prezenti novan tem-komplekson. Povas do okazi ke pluraj nomoj (terminoj) restos sen fina interkonsento. Tamen, vian nekonsenton pri terminoj de gravaj nocioj priskribu, ĉiam en la sekvanta numero de KF mi publikigos koncizan supervidon de la prezentitaj prijuĝoj, inkluzive de mia starpunkto.

## Kontaktoj

**Edmond Ludwig**, sekretario de TAKE, sendis al mi protokolon pri la jarkunsido de TAKE okazinta la 17-an de oktobro 2010. Ĝi enhavas alineon, en kiu la estraro informas la membrojn, ke „la plej granda parto de la estraro de TAKE sin konsideras ĉefe kiel administrantoj de la asocio… Sekve la estraro pretas ekzameni ĉiujn ideojn kaj proponojn de projektoj de siaj membroj. La helpo de la estraro povos esti organiza kaj financa (laŭ la disponebla mono), sed la pure fakajn laborojn realigu nur la fakuloj mem!" – WE: La membroj estas izolulој, unu ne scias pri la alia, kolektiva agado kadre de TAKE ne eblas. Ĉar la estraro mem nenion fakan iniciatas, ne estas al mi konate, kion la estraro administras, krom la membrokotizoj. La agado de *Konstru-Forumo* estas paralela, ne estas agado asocia, kvankam ni deziras per ĝi subteni TAKE kaj la fakan aplikon de Esperanto ĝenerale. Konvenas, ke TAKE kaj ankaŭ KF-anoj pripensu iun konkretan komunan iniciaton, krom la komuna laboro por la *Jarkolekto de TAKE*.

**Milan Neubeler** el Slovakio, iama ĉefdelegito de UEA por tiu lando, nun aliĝis kiel „leganto" de KF. Kiel konstru-entreprena prez-kalkulisto li antaŭ jaroj okupiĝis ankaŭ pri ladistaj laboroj kaj produktoj, mi do demandis lin pri lia opinio koncerne mian kompilaĵon *Ladista metio* (vidu la temon 40).

**Pierre Grollemund** studas mian malnetaĵon *Ladista metio* kaj jam komunuikis al mi kelkajn terminologiajn rimarkigojn. Vidu la novajn temojn 39 kaj 40 en tiu ĉi KF.

**Fabien van Mook** kontribuis la rubrikon *Ni solvas termin-vakaĵojn*, provizore per listo de terminaj problemoj lokitaj en KF 24, p. 148. Ĉar neniu el la kunlaborantoj reagis, mi formulis mian opinion kaj metis ĝin tuj post tiu ĉi rubriko *Kontaktoj*. Estas dezirinde, ke vi rezonu per via opinio. – Fine de oktobro Fabien informis min, ke li estas labore tre ŝarĝita (temas pri eksperimentado pri fazoŝanĝaj materialoj) kaj ne povas plenumi ĉiujn taskojn laŭ la 24-a KF. Li esperas, ke en 2011 li povos denove plene kunlabori.

## Pri la lingvaj problemoj listigitaj de Fabien (vidu en KF 24, p. 148)

Kiel editoro de KF mi la problemojn tabeligis kaj en la postskribo al la 24-a numero mi instigis vin pripensi ilin kaj komuniki al mi vian starpunkton. En la sekvantaj alineoj estas starpunkto mia.

1. Ĉu temperaturo estas alta, malalta, ĉu ĝi altiĝas, aŭ oni prefere uzadu la adjektivon granda? **WE**: Ni respektu la kodifitan uzancon laŭ PIV (p. 1144): *altaj* kaj *malaltaj temperaturoj*; *temperatura pliiĝo* (aŭ: *altiĝo*). *Pliiĝo* kaj *altiĝo* de temperaturo estas esprimoj egalvaloraj.
2. **WE**: Koncerne la esprimon pri altiĝo de temperaturo ni samloke en PIV trovas: *la temperaturo de la ĉambro devas esti almenaŭ **ses gradojn pli alta*** (ekzemplo laŭ Zamenhof). En PAG § 184 la evento

estas indikita kiel „akuzativa (rekta) adjekto", per kiu oni povas esprimi i.a. mezuron: *li estis* ***tri paŝojn*** *de la ŝtuparo.* Certe ankaŭ la kreskon aŭ malkreskon de temperaturo eblas esprimi per akuzativo. Same bone uzebla estas la sence nedifinita prepozicio «je», la 5-a signifo de tiu prepozicio en PIV konstatas aplikeblon ĉe mezuradjekto, kiam la mezursuplemento estas plurvorta. Ekz.: *vi estas je duono da kapo pli alta ol mi*; *ŝi retiriĝis je kelke da paŝoj* (ekzemplo laŭ Zamenhof).

3. Ĉu diko 2 milimetroj, aŭ diko de 2 milimetroj? **WE**: Adjektive ni diras: (io) *dika du milimetrojn*. Temas pri mezurindika adjekto, kiu plej ofte aperas ligita al verbo (vitro dikas du milimetrojn), sed la dimensio de dik(ec)o estas esprimebla (kiel mezurindiko) same ankaŭ ĉe substantivo: *diko* (valoranta) *du milimetrojn.* Kompreneble, pli eleganta estas la formo: *Dumilimetra dik(ec)o*. Akompanataj de la verbo „esti" la (predikativaj) milimetroj devas esti en nominativo: *la dik(ec)o de la vitro estas du milimetroj* (ne: *milimetrojn*). Sed ekzistas ankoraŭ aliaj formoj. La pravigon de la prepozitivo kun «de» ni trovas en PAG, § 133, parto C – *Suplemento de konsisto*, punkto *c*). Ĝi indikas la enhavon de la determinato, t.e. la mezuron de la determinanto: *salajro de tri mil kronoj*; *atingi la aĝon de okdek jaroj*; *longo de tri metroj*. Pravigebla do estas ankaŭ *diko* ***de*** *2 mm*. Alia ekspliko (PAG, §129, 132) argumentas por nominativo. Ekzemploj laŭ PAG: *la monato septembro*; *la vorto amo*. En la ekzemplo de Fabien la vorto *diko* prezentas vastsencan „anoncvorton" kaj *milimetroj* individuan „nominacion". En PAG, § 132 estas esprimitaj la postuloj por „nominacio": *a)* la anoncvorto devas stari senpere antaŭ la nomesprimo (sen komo); *b)* la anoncvorto devas esprimi vastan kategorion de individuaĵoj (en nia kazo: dikeco laŭ milimitroj varias); *c)* la anoncvorto devas ne esti determinita aparte sendepende de la nomesprimo. Ambaŭ formoj en la demando de Fabien estas uzeblaj. Malgraŭ tio mi preferas la nominativan interligon de du substantivoj, ĉar la prepozitivo kun «de» (PIV B8, p. 219; rilato inter du substantivoj, el kiuj la dua estas mezuro de la unua) esprimas genitivan (naskan) kazon, kiu estas neniel pravigita kaj logika, kiu estas eŭropa nacilingva heredaĵo, por ekstereŭropaj lingvoj apenaŭ imagebla. Mi do preferas: *diko du milimetroj* = *diko* (kiu estas) *du milimetroj*. Fakte temas pri apudmeto (apozicio), kiu estas priskribita ankaŭ en PAG § 291.3: La flankelemento estas *substantiva epiteto*. Ekzemploj: *membro-abonanto* aŭ *membro abonanto*; *kverkarbo* aŭ *kverko arbo* (arbo, kiu estas kverko); analoge: *tri milimetroj*, kiuj estas *diko*.
4. Ĉu fandotemperaturo, fandiĝa tempetarturo, aŭ fanda temperaturo? **WE**: Ĝusta estas la determino per cela adjektivo „fanda" (*fanda temperaturo*). Bona estas ankaŭ la kunmetita formo *fand(o)temperaturo*. *Fandiĝa temperaturo* ne havas la deziratan sencon, temperaturo mem ja ne fandiĝas.
5. Mantelo? **WE**: La termino mantelo apartenas al la nocio „ĉiuj eksteraj konstruktoj de domo" (vandoj/muroj, tegmento, planko de la plej suba etaĝo kontakta al la grundo, eksteraj fenestroj kaj pordoj). Tiu opinio metafore respondas al la signifoj 1 ĝis 6 donitaj en PIV: *alekstera kovraĵo*, *tegaĵo*; analoge *kablo-mantelo*, *pot-mantelo*. La aplikado de „mantelo" en nia domrilata senco ne estas nova.
6. Penda plafono? **WE**: Jes, la plafono pendas sub tekto, inter ili estas aertavolo kun plafon-pendigiloj. La kunmetaĵo pendoplafono estas ankaŭ ebla.
7. Gipskartona tabulo? **WE**: Jes, la kompozita tabula materialo estas gipskartono.
8. Ekzakteco, ĝusteco, precizeco. **WE**: Ĉiu el la vortoj estas klare difinita en PIV. Preciza – ĝuste kaj klare difinita. Ekzakta – science ĝusta kaj severe preciza. La gradon de proksimeco al certaj valoroj la adjektivoj ne donas, ili ja ne povas substitui nombrajn limojn al ies kvalitaj postuloj.
9. Hejti, malhejti? **WE**: La formo *malhejti* estas nocie ambigua. *Malhejti* (rilate al forno) estas sensencaĵo kaj (rilate al klimatiza aparato) neadekvata esprimo. *Malhejti* do estas fake nerekomendinda.
10. Ventolilo aŭ ventilatoro? **WE**: Temas pri sinonimoj, ambaŭ estas uzeblaj. La formo *ventolilo* estas gramatike pura, ŝemisma. La formo *ventilatoro* estas nomo fremda – internacia – etimologie bazita sur la latina verbo *ventil/are* (ventoli), tiu estas derivita de *ventus* (vento). *Ventilatoro* estas trovebla (supozeble) nur en la vortaroj *Nova Eo-japana* de Okamoto Joŝicugu (1963) kaj *Eo-korea* de Hajpin Li (1983).
11. Ĉu minerala lano aŭ minerala fibraĵo? **WE**: Ambaŭ substantivoj havas po tri signifoj. LANO: 1 – haroj de bestoj, 2 – tiuj haroj prilaboritaj, 3 – artefarite prilaboritaj substancoj. FIBRO: 1 – filamento en biologio, anatomio, histologio, 2 – analoga fenomeno ĉe mineraloj, 3 – samforma artefarita produkto. Pro la 2-a kaj 3-a signifoj de fibro, por konstrufako mi rekomendas la terminon „mineralfibraj varmizolaj materialoj" (fibraĵo), kvankam en la angla ofte aperas lano (*basalt wool*, *mineral wool*, *rock wool*). Sed ĉiu aŭtoro libere decidu mem laŭ sia opinio, ankaŭ laŭ aktualaj cirkonstancoj.
12. La vorton *inslingeren*, supozeble nederlandan, mi ne komprenas.
13. Ĉu efika aŭ operativa ena temperaturo? **WE**: Mi atendas difinon de tiu temperaturo flanke de Fabien. La adjektivo „operativa" estas en Esperanto neuzata internacia formo, ĉar ekzistas nur „operacii", ne

„operati“. Regule formita adjektivo estus do *operacia*, *operaciebla* aŭ *operaciiva*. Sed formaj paraleloj ekzistas: projektiva, konstruktiva, produktiva, inform(at)iva.

## Jarkolektoj de TAKE: 2010, 2011

La jarkolekto **2010** de KAVA-PECH (CZ) jam estas sendita al s-ro A. Grossmann (TAKE) en Francio kaj distribuita al la membroj de TAKE, ankaŭ al la aŭtoroj de artikoloj. Kiun impreson ĝi ĉe vi elvokis?

Ni jam pensu pri la Jarkolekto de TAKE **2011**! – Aŭtoroj, anoncu vin ĉe la kolego Fabien van Mook: <...@...>. Ĉar neniu alia el vi aliĝis, li transprenos la taskon.

**Alvoko** pri la revizia kontrolo de konstrufakaj terminoj en NPIV.

Pri la afero skribis al mi nur Bronislav Ĉupin. Li ne povas helpi pro malhavo de la vortaro.

**Alvoko** pri la kontrolo de la manlibro pri ladista metio.

La revizian helpon promesis B. Ĉupin kaj P. Grollemund, kiu jam parte plenumis la promeson. Lia voĉo estas menciita en la koncernaj tekstoj ĉi-numere.

## Ni solvas termin-vakaĵojn

**La temo 30 – kanalizacio**. Pri la kompletigo de la temo jam neniu alparolis min. Koncerne la konsulton ĉe la sinjoroj prof. Witold Stępniewski kaj Volker Hank mi informas vin, ke mi rete alparolis ilin petante la helpon en la terminologia temo pri kanalizacio la 19-an de septembro 2010. Neniu respondo venis. (?)

**La temo 35 – Bildvortaro Duden – 271**. En la lasta KF la temo 35 estis segmentita al kvin partoj (A – E). El ili la sekcio C enhavas terminojn por nova voĉdono. Entute venis du konsideroj, nome de Fabien kaj Claude. Pluraj terminoj de la sekcio C estis de ili traktitaj konsente. Al la sekcio B mi do povas aldoni tiujn ĉi interkonsentitajn terminojn: **2** – betona soklo; **3** – kelfenestro; **10** kaj **11** – ekstera kaj interna embrazuroj; **12** – sojlo de fenestro; **17** – stabla skafaldo; **22** – kovraĵo de ŝtuparejo/ ŝtuparŝakto; **28** – dila planko; **59**, **60**, **62**, **65**, **66** – masonaranĝoj: laŭlonga, laŭlarĝa, alterna, kruca, kamentuba; **61** – ŝtupa murfin(iĝ)o; **63**, **64** – longbrika kaj kverbrika tavoloj; **73**, **74** – supra/malsupra bordera dilo; **79** – dila vojo; **81** – ŝovela kavatoro; **82** – subfosa ŝovelilo; **90** – ŝirma vando.

La komentoj de **Fabien** (al la reziduo de la sekcio C): **17** – La vorton **trest**/ mi ne povas trovi, por plena elekto mi devus unue legi la difinion de tresto (WE: *Treston* „inventis“ R. Eichholz, la difinon mi nun ne kapablas trovi, eble venonte). **25**, **88** – la ŝtrebo ne estas nur kontraŭ vento, sed ankaŭ kontraŭ aliaj horizontalaj fortoj… ŝajnas al mi, ke pli bone la ideon resumas «(stabiliga) ŝtrebo». WE: Fabien pravas, sed la fonta germana termino estas *Windstrebe* (*wind bracing*; *contreventement*). **26**, **27** – traktataj sekve en la temo 38! **29** – Fabien proponas «planka sekurdilo», ĉar li proponas uzi «dilon» anstataŭ mia «breto»; li proponas unuigi la nociojn de breto (tabulo) kaj dilo al unu larĝa dimensia speco sub la nomo «dilo». WE: Ni diskutu la aferon en la nova temo 41 Segitaj lignopecoj. **35** – Laŭ Fabien «ŝutkesto» estas malpreciza, ne estas klare dirite, ĉu la enhavo venas en la keston aŭ el la kesto. Ŝarĝ/ laŭ Fabien ne, sed eble ŝarg/: ŝarg(o)kesto aŭ enŝutkesto. WE: Ŝargo laŭ sia signifo nepre ne konvenas (!), enŝutkesto ankaŭ ne, ĉar ĝi eksplicite ne diras, ĉu materialo estas ŝutata en la keston aŭ el la kesto en la miksilon. Alia mia propono: pleniga funelo. NPIV p. 374: Tubo kun konuse plilarĝigita fino, uzata por gvidi ŝutadon aŭ verŝadon tra aperturo; *pleniga funelo*. En la angla lingvo la liveran (ŝarĝan) keston oni nomas: *loading funnel*. **47** – Fabien rekomendas, ke ni akceptu ambaŭ variaĵojn: firmoŝildo kaj firmaoŝildo, ĉar firmao estas pli ofte uzata ol firmo (tion asertas PIV). Krome li proponas «avizoŝildo» aŭ «avizotabulo». WE: La nocia enhavo de la radiko aviz/ iom diferencas de la informa ŝildo. Pri la nomo por komerca institucio aŭ entrepreno mi notas, ke la Zamenhofa FUNDAMENTO enhavas sole firm/o kun la ekvivalentoj (fr) *raison* (*de comerce*), *enseigne* | (en) *firm* | (de) *Firma* | (ru) *фирма* | (pl) *firma*. Ankaŭ la grava vortaro de F. Munniksma *Internacia komerca-ekonomika vortaro en dek unu lingvoj* (1990) enhavas sole firm/o (nomo de komerca entrpreno kaj la komerca entrpreno mem). La nova versio «firmao» estas produkto de iu lingvistika nekompetentulo (fakte stultaĵo kun du gramatikaj finaĵoj:·kun la internacia *a* kaj la esperanta *o*). Tion mi notas por pensigi vin pri la ideo de lingva pureco. **69** – Fabien preferas «angula lodmuntaĵo», stablo lin pensigas pri pli ampleksa muntaĵo. WE: La lodmuntaĵon mi ne kontraŭstaras. **85** – Fabien skribis al mi: Mi ne komprenas, kial oni ĵetu tra la kribrilo. Ĉu ĵeti havas specifan signifon? Eble oni metis la kribrilon oblikve, ĉar oni ne povis ĝin meti horizontale, eble pro manko de spaco. WE: Tute ne! La kribrilo estas fabrikita por la oblikva pozicio. Laboristo per ŝovelilo prenas neklasifikitan sablon kaj ĵetas ĝin kontraŭ la kribrilo. Fajna mortera frakcio trafalas la kribrilon parte tuj ĉe la falo al la kribrilo, la resto de la fajna sablo trafalas ruliĝante sur la klinita kribrilo. La grobaj grajnoj ne trapasas, sed rulas sin al la tero antaŭ la kribrilo. Tio estas tradicia, certe pli ol cent jarojn malnova teĥnologio de konstrueja apartigado de du sablaj frakcioj

en neklasifikita sablo. La sola nomo kribrilo ne sufiĉas, estas necese determini ĝian specon: traĵeta, eble **ŝovela kribrilo**. En la germana ni ja havas *Wurf* = ĵeto.

Al la restantaj nedeciditaj terminoj vi povas reveni, sed pro la lavango de novaj taskoj ni povas ilin preterlasi kaj la kolego J. Horváth mem elektos konvenajn ekvivalentojn por la reviziata Bildvortaro.

**La temo 36 – Fluato**. La temon 36 neniu komentis. Mi ripete alvokas vin, esprimu vin pri la nomo.

**La temo 37 – Bildvortaro Duden – 272**. Kvankam nur du personoj komentis la terminojn de la temo, mi ĉi tie notas la konsente akceptitan aron: **1** – ŝtalbetona skeleto; **2** – ŝtalbetona framo; **3** – randa balko; **4** – betona patno; **7** – monolitbetona vando; **8** – ŝtalbetona tekto; **9** – betonisto; **10** – kuplovergo; **11** – ŝelaĵo de kolono; **12** – ŝelaĵo de ĉeftrabo; **13** – ŝelaĵfosto; **14** – ŝtrebo; **15** – kojno; **16** – dilo; **18** – ŝelaĵligno; **19** – diska segilo; **23** – armatura vergo; **24** – kava pumika masonbloko; **26** – volumenaĵo; **29** – betonmiksilo; **30** – cement-silo; **31** – turgruo; **32** – ĉasio; **33** – kontraŭpez[aĵ]o; **34** – turo; **35** – gruistejo, grukabino; **36** - grubrako; **37** – porta kablo; **38** – betonujo; **39** – traka ŝpalaro, trakaj ŝpaloj; **41** – ramplo; **42** – ĉarumo; **43** – gardrelo; **44** – konstrueja budo; **45** – kantino, manĝejo; **46** – ŝtaltuba skafaldo; **47** – (skafalda) fosto; **50** – piedplato; **52** – (skafalda) planko; **53** – kuplilo; **54** – ŝelaĵo de slabo; **55** – ŝelaĵo de traboflanko; **56** – suba ŝelaĵo de ĉeftrabo; **58** – krampo; **59** – ŝelaĵfosto; **60** – fiksoplato; **61** – subtena kvertrabo; **66** – streĉdrato; **67** – disapogilo; **68** – armaturo; **69** – distribua vergo; **70** – jugeto; **71** – kuplovergo; **72** – beton[miksaĵ]o; **73** – ŝelaĵo de kolono; **75** – bolto; **78** – alĝustigebla ŝelaĵbalko; **79** – alĝustigebla ŝraŭbo; **80** – rondŝtalo; **81** – distancilo; **82** – ripa ŝtalo; **85** – armatur-tenajlo; **86** – alĝustigebla ŝelaĵfosto; **87** – armatura ĉizojo; **88** – interna vibratoro; **89** – [merga] vibrokapo.

**Kelkaj terminoj restas sen decido kaj bezonas novan prijuĝon**, kelkaj nocioj ankoraŭ pli klaran eksplikon. **5** – **Unterzug** ne estas solivo, sed trabego, kiu portas solivojn. Oni nomas ĝin ĉeftrabo. **6** – **Voute** estas oblikva parto de (ĉef)trabo strikte apud kolono, ĝi fortikigas la trabon en la loko de grandaj tondofortoj. La angla ekvivalento estas *haunch* (kokso), la francaj *naissance* kaj *retombée*. Vuton enkondukis Eichholz kaj mi rekomendas respekti ĝin (la germana deveno ne ĝenas). **17** – **Spundwand** laŭvorte (kalkee) tradukita estas „ŝtopvando“. Ofta celo de la vando estas ŝtopi (bari) kontraŭ subtera akvo, ankaŭ apoge reteni teron kontraŭ terdeglito dum foslaboroj. La vando ne estas el fostoj, sed foje el (lignaj) specialaj diloj (*sheet pile*), foje el specialaj ŝtalaj profilitaj fostoj – vidu la figuron sur p. 172. Ramitaj ili formas «ŝtalan ŝtopdilan vandon» (en: *sheet pile wall/curtain*). Por elemento de ŝtopvando mi proponas nomon «ramdilo». **20** – **Biegetisch** estas de EI kaj HO nomita „kurbiga stablo“, nun ankaŭ de Fabien „vergokurbiga stablo“. WE: Stablo jes, sed nepre ne kurbiga kaj vergokurbiga, ĉar armaturajn vergojn oni ne kurbigas, sed fleksas. Kurbigi (laŭ PIV) signifas „fari ion kurba“ kaj kurba estas „tia, ke ĝi estas nek rekta, nek konsistanta el rektaj partoj“. Armaturo ne povas esti kurba! Se al vi ne plaĉas «fleksostablo», ni interkonsentu pri «vergofleksa stablo». **21** – **Eisenbieger** estu ŝtal- aŭ vergo-fleksisto. „Kurbigisto“ estus fuŝulo de armaturo! **22** – La flankelemento fer- kopias la germanan *Eisen*, sed armaturo estas ŝtala. Oni elektu el ŝtalĉizojo, armatur-ĉizojo, vergoĉizojo aŭ la prepozitiva ĉizojo de armaturo. **25** – **Trennwand**, **Bretterwand**. Anstataŭ breta vando Fabien proponas dila vando, sed ne pro tio, ke la vando estas vere el diloj, sed pro lia elimino de breto (tabulo) kaj apliko de la nomo dilo por ĉiu tabula segligno. WE: La specon de maldika tabula segligno en la terminaro ne eblas malhavi, ĝi ja ekzistas en ĉiuj lingvoj! Vidu la temon 41. **27** – **Schmalspurbahn**. Fabien: Kion diras niaj amikoj en IFEF? WE: En la terminaro de IFEF sub n-ro 1601 estas «etŝpura fervojlinio». Etŝpura trako do ĝustas. **28** – **Kipplore**. En la terminaro de IFEF sub n-ro 5291 estas trakdolio, sub n-ro 9996 baskulebla varvagono, sub n-ro 10182 varvagoneto. Baskuli estas verbo netransitiva. La nomo povas esti baskula aŭ baskulebla vagoneto. **40** – **Bremsschuh**. Fabien: Traka haltilo? WE: En la terminaro de IFEF estas sub n-ro 6147 «bremsbloko». Ni akceptu tiun formon. **48**, **49** – Traverso, longverso – vidu la temon 38. **51** – **Verstrebung**. Al Fabien ne plaĉas „ventoŝtrebo“ kaj deziras nur „ŝtrebo“. La germana verstreben = apogi. Miaopinie ŝtrebo kaj apogilo estas nomoj tro ĝeneralaj, kun multaj signifoj. La objekto n-ro 51 estas stabiligilo de skafaldo rezistanta kontraŭ ĉiuj horizontalaj kaj oblikvaj fortoj en la direkto de la skafaldo, unuavice kontraŭ vento. En konstrufako tiun stabiligilon eble ĉiuj naciaj lingvoj nomas laŭ la vento (wind bracing; Windverstrebung, Windstrebe, Windversteifung, Windverband, diagonale Windrispe; contreventement). Kiam germana konstruisto ion sekurigas kontraŭ vento, li simple diras: verstreben, versteifen, kutime li ne prefiksas Wind. Mi do agitas por «ventoŝtrebo». **57** – **Traverse**. Fabien konfesas, ke li la nocion ne komprenas. La tradukoj de EI kaj HO atestas, ke ankaŭ ili la nocion ne komprenis, ĉar la „traverso“ ne estas solivo (tekta trabo), sed balko portanta ŝelaĵon de intertraba ŝtalbetona slabo. Tion atestas la armaturo. La balko konsistigas la ŝelaĵon, ŝelaĵo kiel sistemo ja ne estas nur tabuloj, sed ankaŭ ĉiuj subtenantaj pecoj. La traduko povus esti «traverso (de slaboŝelaĵo)», aŭ sen la neologisma traverso: balko de slaboŝelaĵo, event. slaba ŝelaĵ-balko. **62** – **Knagge** (enligna „nodo“ – PIV 7). Fabien demandas, kial «blokpeco»? Laŭ la funkcio li supozas ian bloketon, per kiu oni evitas dismoviĝon. Eble fiksbloketo? Ĉu en

Esperanto ekzistas vorto kiel la angla *chock*? WE: *Chock* = kojno (PIV 2 – peco por fiksi moveblan aĵon). Bloki = bari per bloko (PIV 1), absolute senmovigi (PIV 2). Kojno ne taŭgas pro la formo. Blok-peco aŭ blok-lato konvenas. **63** – **Kopfbug**. Angle *housed brace*. *Kopf/bug* – kapo + pruo de ŝipo, nazo de aviadilo, skapolo en homa korpo – komplika metaforado. La celo de *Kopfbug* estas senmovigi (stabiligi) la ortangulan triangulon formitan de vertikala kaj horizontala traboj per oblikva hipotenuzo, kiu funkcias kiel stego, per siaj ekstremoj (ĉe tegmenta trabaro tenonumitaj) ĝi fikse tenas senmova la trusan elementon – triangulon. La nomo „stego“ plene konvenas. En tegmenta trabaro la fosta-patnaj stegoj estas la esenca rimedo de laŭlonga kontraŭventa stabiligo. La apliko en ŝeliga sistemo ne estas kontraŭventa, la determinilon „vento“ ni do ne uzu. Eble: brakostego aŭ kapostego – la stego fiksas kaj stabiligas horizontalecon de la dubraka trabo sur la fosto (kapo). **64** –estas prisma trabeto, kiu alpremiĝas al la kverlatoj (65) de la ŝelaĵ-flanko tiel, ke ĝi garantiu la ĝustan vertikalan ebenon de la fabrikata ŝtalbetona ĉeftrabo. La pozicion de *Langschwelle* **prizorgas** la streĉdrato (66) lokita tuj apud ĉiu kverlato (65). Streĉado de la drato okazas mane per ties turnado en la spaco de estonta ĉeftrabo. *Langschwelle* ne estas fleksata balko, ĝia funkcio respondas al „ŝpalo“ (vidu KF 2, p. 6-7. Kutima ŝpalo, ekzemple la fervoja aŭ sub skafaldaj fostoj estas traversa, ĉi tiu speco estas longversa (laŭlonga): «longŝpalo», kiu estas kalkeo de la germnana *Langschwelle*. **65** – **Lasche** en la granda de-eo vortaro de E. D. Krause estas tradukita kiel „kunigoplato“ (en: *ledge*, *ledge batten*, *accouplement*, *clamp*). La plato/lato ĉiam iras tra[ns]verse (plej ofte orte) al la kunligataj bretoj/diloj. Tial mi nomis ĝin «kverlato». **74** – **Geschtraubte Rahmenholz** en esperanta traduko estas: kunŝraŭbita framligno. Por esti pli preciza, mi uzus la nomon: bolte ligita ligna framo. Celo de la framo estas precize fiksi la profilon de ŝtalbetona kolono, kiu en la bildo troviĝas ĝuste sub la ĉeftrabo, post pretigo de la konstrukto la kolono subtenos la ŝtalbetonan tekton. **76** – **Schalbrett** – Fabien proponas «ŝelaĵa dilo», sed dimensie unuigi breton kaj dilon signifus fuŝi esperantan terminaron, tiu propono estas por absolute neakceptebla. Ŝelaĵa breto (tabulo) povas esti nomata ankaŭ ŝelaĵbreto (ŝelaĵtabulo). **77** – **Biegeeisen** – same kiel ĉe la n-roj 20 kaj 21, ĉi tie ne povas aperi la radiko kurb/, sed fleks/. **83** – **Betonstampfer**. Ramo estas maŝino, tial mi uzis (laŭ PIV) manramo de betono. Fabien proponis „mana betonramo“ – probable temas pri sinonimoj. Sed sola „betonramo“ ne povas esti. **84** – **Probewürfelform**. Ĉiu proponis iom diferencan formon, ankaŭ Fabien: provkuba muldilo. Por mi estas same bonaj „provkuba muldilo“ kaj „provkuba formo“. En laboratorio preme pistas la „provkubojn“ por konfirmi la firmecon de betono. **88 Betoninnenrüttler** – Fabien prave informis, ke jam en nia *Betonterminaro* (2002) ni decidis pri „interna vibratoro“.

**<u>La temo 38 – Traverso, longverso (longerono)</u>**. La temon komentis nur **Fabien**: Via listigo pri averso, reverso ktp. estas interesega. Mi jam rimarkis ĝin en via libro *Terminologiaj konsideroj* (p. 61-62). La vortoj *traverso* kaj *longverso* eblus, sed mi hezitas, precipe ĉar «transvers/» kaj «kver/» jam ekzistas. Kial enkonduki ankoraŭ plian vorton iel samsignifan. Kaj kiel distingi la tri vortojn (krom la gramatikaj diferencoj)? Al mi plaĉas «kver/» kaj pro ties kompakteco mi proponus uzi ĝin pli ofte, anstataŭ aŭ apud la formoj kun «tra(ns)vers/». Al mi mankas vorto same kompakta kiel «kver/» sed kun la signifo de «laŭlonga» /
«longversa». Ĉu eblus «len/», «leng/», «lonĝ/», «lung/» aŭ ...? Ekzemple anstataŭ traverso kaj longverso mi povas imagi ekzemple kverbalkon kaj lungbalkon. – **WE**: En la kontribuo estas pluraj bonaj ideoj, estas bezone, ke ilin prikonsideru la ceteraj KF-anoj. Mia starpunkto ne estas decida, sed mi konstatas, ke „traverson“ ne eblas konsideri kiel „transverson“, ties senco estas alia (esti trans). Mi ne povas konsenti kun la enkonduko de nova radiko „lung“ en la senco „long“ (kial?). La formo „traverso“ estas internacia, sed mi ne kontraŭstaras la formojn bazitajn sur la esperanta leksiko: kverbalko kaj longbalko anstataŭ miaj proponoj traverso kaj longverso. Fine mi konstatas, ke Fabien preterlasis la ekzistantan „longbalkon“ uzatan ĉe konstrukciado de aviaj fuzelaĝoj: „longerono“, kiu marĝene kompletigis la temon. Mi atendas pluan diskuton.

**<u>Nova temo 39 – Distingi dom-angulojn</u>**. En la verketo *Ladista metio* mi bezonis distingi angulajn defluil-pecojn. Grundplane (en: *layout plan*) domoj estas plej ofte unublokaj ortangulaj, ne malofte du-alaj. Se la domo estas du-ala, la tegmento povas esti gropa kaj la defluiloj en ĉiuj flankoj. Tiukaze aperas du specoj de angula defluilo – A kaj B laŭ la apudaj figuroj. Ĝenerale la speco A estas karakteriza per „elstara eĝo“, la speco B per „kava loko“ – tiel la angulojn diferencigas la difinoj en PIV, sed ne diferencigas ilin laŭ nomo (termino). En la manlibro pri ladista metio mi nomis la varianton A „korna defluilo“ kaj la varianton B „angula defluilo“. La manlibron prijuĝas **Pierre Grollemund** kaj li jam informis min jene: „Ni nepre evitu la nomon „korno“. Mi proponas „ekstera defluila angulo“ kaj „interna defluila angulo“. La rezono de **WE**:

Kiu estas ekstera kaj kiu interna angulo? En PIV estas notitaj 8 signifoj de la vorto «angulo». Por la traktata temo validas la 5-a kaj la 6-a signifoj:



La 5-a signifo: Angulo estas **elstara eĝo**, kie renkontiĝas du surfacoj, vandoj, muroj.

La 6-a signifo: Angulo estas **kava loko**, kie renkontiĝas du surfacoj, vandoj, muroj.

Sed kiel ilin distingi? Kiu signifo prezentas eksteron kaj kiu internon? Uzante la nomon «angulo» por ambaŭ ni sekvas la nacilingvan ĥaoson, ĉar anguloj varias ekde 0° ĝis 360°. En planlingvo la aferon ne eblas preterlasi svaga.

Ni konsultu la naciajn lingvojn:

ANGLA: *corner* por ĉiuj eventoj. Sed kion signifas *corner house*?
GERMANA: *Ecke* por ĉiuj eventoj. Sed kion signifas *Gebaudeecke*?
FRANCA: *coin* por ĉiuj eventoj. Sed kion signifas *maison qui fait l'angle*?
RUSA: *угол* (ugol) por ĉiuj eventoj. Sed kion signifas *угол улицы* (ugol ulicy)?
ĈEĤA: *nároží* (naaroĵii) nur por la nocio A, *kout* nur por la nocio B.

En la montritaj lingvoj nur la ĉeĥa klare distingas la nociojn A kaj B, do ankaŭ la 5-an kaj 6-an signifojn de «angulo» laŭ PIV. Mi ne povas akcepti, ke «dom-angulo» prezentu ĉiujn angulojn, kiujn reale limas la apudaj fasadoj.

Por la **nocio A**, kiam renkontiĝas du fasadoj en la „elstara eĝo", mi elektis la nomon „korno" precipe pro la angla *corner*, kiu estas dom-eĝo kaj samtempe detereminanto de domo elŝovita en „eĝan pozicion". En la angla tie ne aperas la vorto *edge* (eĝo), sed la plurtsignifa *corner*, kiu en kalka formo estas konotacia (kromnocia) korno, sed ne angulo. **Defluila korno** (aŭ eĝo?).

Por la **nocio B**, kiam renkontiĝas du fasadoj „en kava loko", mi elektis la nomon „angulo". En tiu nomo estas konstatebla tendenco al io malvasta, izolita, premata, ankaŭ koncentrita. Tion pruvas PIV en la 7-a signifo: „Flanka malvasta loko malofte vizitata aŭ rigardata". La angula loko estas malvastigata, kvazaŭ premata de angul-lateroj (surfacoj, vandoj, muroj). La 8-a signifo en PIV montras koncentritecon „por iu fako aŭ rubriko" – ankaŭ motivo de malvastigo. Cetere, la nomo angulo en la angla lingvo estas ankaŭ *nook*, laŭ J. C. Wells kaŝangulo, solejo. En la franca estas tiu angulo nomata *recoin*. Angulo en la angla estas ankaŭ *groin*, kiu ne signifas nur eĝon, sed ankaŭ ingvenon – malvastan angulon inter homa ventro kaj femuro. Mi opinias, ke por la nocio B ne estas bezone serĉi novan specialan nomon, ke «angulo» estas sufiĉe motivita kaj internacie akceptebla sen riski miskomprenon. **Defluila angulo**.

**Nova temo 40 – Ladista foldo**. En la verketo *Ladista metio* mi bezonis esprimi nomon de detalo, kiu havas du funkciojn: 1-e interligi du ladojn, 2-e bari kaj deflue gvidi pluvakvon, ke ĝi ne penetru sub tegmentan kovraĵon. La detalon mi nomis «foldo», ĉar tiu nocio forme kaj funkcie proksimiĝas al foldo. **PIV pri foldo**: **1** Longforma entranĉo en malmola materio, ordinare destinita por enŝovi ion en ĝin (referenco al sencoj: *kanelo*, *lango*, *mortezo*, *rabeto*, *sulko*). **2** Ĉiu el la du sulkoj, faritaj en bindado de libro… **ŝovofoldo**: foldo, en kiun alia peco povas ŝoviĝi.

Konsultinte la aferon kun **Pierre Grollemund**, mi ne trovis lian subtenon, li informis min, ke „la termino «foldo» ne plaĉas al li, ĉar ververe tiu termino apartenas al la fako meblista (lignaĵista)!" Li proponis la terminon „faldo", por mia „akvofoldo" la terminon „kontraŭlika faldo". La disharmonion ni solvu kolektive. Tamen mi anticipe informas la forumanojn, ke la version „faldo" proponis jam en 1958 K. J. Moberk en la *Konstruteknika terminaro* aperinta en la sveda Malmö (faldoj: *simpla*, *duobla*, *kuŝanta*, *staranta*). Mi kredas, ke tiu solvo estas alloga, tamen mi sentas bezonon levi obĵeton.




Unue ni sekvu la apudajn desegnojn kaj la komenton de **Pierre Grollemund**:
Kiu estas diferenco inter "FOLDO" kaj "FALDO? La termino ***foldo*** aperas en PIV precipe pri lignaj aferoj. Ankaŭ pri la vertikala ekstera linio en la bindaĵo de libro (kava linio). Ĉu laŭ via scio en iu teĥnika fako ekzistas alia uzo de tiu termino? La termino ***faldo*** ŝajnas al mi parenca almenaŭ pri unu koncepto: Ĉu la ago estas la sama kiam vi ***faldas*** paperon, tukon, ladon? La ĉi-apuda desegno povus prezenti tiujn tri materialojn. Plie, la rezulto estas ankaŭ simila: pli fortika rando danke al la du dikoj supermetitaj, aŭ ĝi ebligas kunŝovadon, tiel en la kudrado kiel en la ladista fako.

*La ilustritan tabelon maldekstre verkis Pierre Grollemund. Bonvolu ĝin studi paralele kun lia teksto dekstre kaj poste kun mia sekvanta objêto.*

**WE**: La radiko **fald'** estas verba, tial la substantivo **faldo** signifas la agon faldi kaj ankaŭ la rezulton: faldaĵo ne estas la loko de flekso mem, sed la falditaĵo: faldita papero, teksaĵo, lado ktp. Faldi en PIV havas unusolan signifon: „Duoble aŭ pluroble fleksi tukon, paperon kaj ĝenerale ion ajn maldikan aŭ ion artikigitan, almetante unu sur alian la diversajn fleksitaĵojn: *faldi leteron, gazeton, sian buŝtukon; kvaroble faldi paperfolion; zorge faldita ĉemizo…"* Faldaĵo estas ekzemple faldita turisma prospekto. Estas evidente, ke faldi ne signifas interligon de du ladoj, nek baron kaj gvidon por defluanta akvo. Resume: la radiko fald' nocie ne konvenas. Krome, faldi signifas ion „fleksi", sed la ladista „foldo" ne estas simpla flekso. Foldo devas respekti certan radiuson de la flekso. Kiam oni faldas, oni faras la fleksojn malproksime de la rando, sed foldon oni plej ofte faras senpere ĉe la rando. Marĝene mi rimarkigas, ke foldo/faldo ne povas esti kontraŭlika, ĉar «lik/i» ne signifas „bari pluvakvon", sed penetri tra difektita parieto de ujo. Likas ekzemple poto. Tiu signifo estas alia.










Fig. 1 *Fleksoj* Fig. 2 *Simpla plata foldo* Fig. 3 *Ventolistelo por dura kovraĵo*

La figuroj **1** kaj **2** montras diferencon inter flekso kaj foldo. En foldo (egale ĉu plata aŭ stara) fakte renkontiĝas du foldoj kaj du langoj. La randa duono de ĉiu foldo funkcias kvazaŭ lango ŝovita en la paran foldon. Tiu fakto kaŭzas postulon, ke falditaj ladoj ne estu kunpremitaj ĝistuŝe, sed estu fleksitaj laŭ la radiuso min 3-6 mm. La figuro **3** montras ventolistelon super gablo, kiu ŝirmas tegmentan mantelon kontraŭ vento kaj ebligas sekuran finiĝon de tegmenta kovraĵo (en tiu ĉi kazo dura elementa kovraĵo, konsistanta el elementoj, ekz. tegoloj). La poziciaj numeroj tie signifas: **1** – drata alfiksilo, **2** – nitita kaj lutita interligo, **3** – akvofoldo kun plata alfiksilo, **4** – du najloj batitaj en lignan ŝtipon ankritan en betono aŭ en lignan tabulaĵon. Inter la fronta vertikala foldo maldekstre kaj «stara foldo» dekstre estas deflua trogeto por pluv-akvo. Ekde la «stara foldo» ĝis la pozicio **3** – akvofoldo fiksita per alfiksilo **4** dekstre – estas jam la spaco por metotaj tegoloj. Dum forta pluvo iom da pluvakvo penetras tra la junto inter tegoloj kaj la stara foldo. Tiu akvo

defluas al la gutranda defluilo, la «akvofoldo» dekstre baras penetron de la akvo en la tegmentan konstrukton.

La objêton, ke foldo apartenas nur al la fako meblista-lignaĵista, refutas jam la fakto, ke foldoj estas uzataj en konstrufako (*foldotegoloj*, *lango-folda garnaĵo*), sed ankaŭ en maŝinfako k.a., vidu EBV (Duden) de R. Eichholz, kiu montras aplikon ĉe: *folda gvid-mekanismo*, *foldita cilindra stifto*, *kejlo-foldo*, *ŝraŭbila*, *makzela* kaj *kalkanuma foldoj*, *gvidfoldo* ĉe skioj, *gvidfoldoj* ĉe kluzoj ktp.

La temon komentis la nova leganto **Milan Neubeler**: „Koncerne la terminon por foldo/faldo mi opinias, ke pli taŭgas **foldo**. La termino **faldo** taŭgas por la kudrista metio. Eble germanoj ankaŭ preferus faldo = *der Falz*. Mi pensas, ke ni respektu PIV.

**Nova temo 41 – Segitaj lignopecoj** – segligno**.** Pri la problemo estas jam skribite en KF 24, paĝo 153, kadre de la temo 35 – Bildvortaro Duden 271. Nove mi prezentas la nocio-sistemon de segligno en sep lingvoj, kie la segligno estas specigita al: tabula, eĝita, duoneĝita kaj etprofila:

| eo | en | de | fr | ru | pl | cs |
|---|---|---|---|---|---|---|
| **tabula segligno** | | | | **doŝĉatyj pilomaterial** | | **deskové řezivo** |
| breto | board, wholedeal | Brett *n* | planche | doska | deska | prkno |
| dilo | plank, deal board | Bohle *f*, Diele *f* | madrier | tolstaja doska | dyl; brus | fošna |
| trunkrando | slab (cut) | Schwarte *f* | dosse | obapol, gorbyl’ | okorek, opól | krajina |
| **eĝita segligno** | **square-sawn timber** | **vollkantiges Holz *n*** | | **ĉistoobreznoj pilomaterial** | | **hraněné řezivo** |
| prismeto | scatling | | chevron | brusok | listwa; graniak | hranolek |
| prismo | prism; balk | Prisma *n*, Kantholz *n* | bois équarri | brus | pryzma | hranol |
| trabo; balko | balk, beam, girder, joist | Balken *m* | poutre | balka | belka; dźwigar | trám |
| **duoneĝita segligno** | | **baumkantiges Holz *n*** | | **poluobreznoj pilomaterial** | | **polohraněné řezivo** |
| ŝpalo | cushion (?) | Polsterholz *n* | coussin (?) | laga; leĵen’ | | polštář |
| **etprofila segligno** | | | | **melkij pilomaterial** | | **drobné řezivo** |
| listelo | batten, slat | Leiste *f* | listel | planka | listwa; łubek | lišta |
| lato | lath | Latte *f* | latte | rejka | łata | lať |

Rim.: Mi petas pri kompletigo de kelkaj mankantaj nacilingvaj terminoj kaj kontrolo de la ĉi tie prezentitaj.

**Nova temo 42– Bildvortaro Duden 273 – ĉarpentisto**; (laŭ la iniciato de J. Horváth)

| | Originalo DUDEN | Rüdiger Eichholz | József Horváth | Jan Werner | ĉeĥlingva ekvivalento |
|---|---|---|---|---|---|
| **---** | **r Zimmerplatz** | **subĉiela ĉarpentejo** | **1-59 ĉarpentoplaco** | **[ekstera] ĉarpentejo** | **tesařské pracoviště** |
| 1 | r Bretterstapel | tabul-stako | tabulstako | breta stako | hranice dřeva |
| 2 | s Langholz | rond-ligno | trunko, longligno | arbotrunkoj | klády |
| 3 | r Sägeschuppen | segejo | segejo | segejo | provozovna pily |
| 4 | e Zimmerer-werkstatt | endoma ĉarpent[-meti]ejo | ĉarpentejo | hala ĉarpentejo, tegmentita ~ | tesárna |
| 5 | s Werkstattor | metieja pordego | ĉarpenteja pordego | metieja pordego | vrata tesárny |
| 6 | r Handwagen | man-ĉareto | manĉaro | manĉareto | ruční vozík |
| 7 | r Dachstuhl | tegmenta trabaro | tegmenta truso aŭ trabaro | tegmenta trabaro, ĉevro** | krov |
| 8 | r Richtbaum mit der Richtkrone | first-fosto kun bran-ĉo-krono | ĉarpentaĵfestaj arbo kaj krono | [laborfina] kron-arbeto | májka |
| 9 | e Bretterschalung | tabul-tegaĵo | tabulmuro | breta garnaĵo | prkenný obklad |
| 10 | s Kantholz | kvar-faca ligno | segita ligno | eĝita ligno | hraněné dřevo |
| 11 | e Reißbühne (r Reißboden, r Schnürboden) | labor-platformo | laborpodio | desegna platformo | plošina na vyměřování |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 12 | r Zimmerer, r Zimmermann | ĉarpentisto | ĉarpentisto | ĉarpentisto | tesař |
| 13 | r Zimmermannshut | ĉarpentista ĉapelo | ĉarpentista ĉapelo | ĉarpentista ĉapelo | tesařský klobouk |
| 14 | e Ablängsäge, e Kettensäge | motora ĉen-segilo | dumana motorsegilo (ĉensegilo) | [ĉena] kversegilo, en: *facing machine* | zkracovací pila |
| 15 | r Steg | ĉen-gvidilo, (ĉen-portilo) | ĉenportilo | ĉengvidilo | výztuha pily |
| 16 | e Sägekette | seg-ĉeno | segoĉeno | segoĉeno | řetěz pily |
| 17 | r Stemmapparat | mortezo-maŝino (ĉen-frezilo) | mortezmaŝino | morteza maŝino | stroj na dlabání |
| 18 | r Auflagerbock | tresto | segostablo, segboko | tresto** | koza |
| 19 | r aufgebockte Balken | surtrestigita trabo | surstabligita trabo | surtrestigita trabo | trám uložený na kozy |
| 20 | s Bundgeschirr | portebla ilar-kesto | ĉarpentista ilarkesto | [portebla] ilarkesto | sada nářadí |
| 21 | e elektrische Bohrmaschine | elektra drilo | elektra bormaŝino | elektra bormaŝino | elektrická vrtačka |
| 22 | s Dübelloch (s Dollenloch) | stifto- (ŝtudo-)truo | stiftotruo | dubel-truo | otvor pro hmoždík |
| 23 | s angerissene Dübelloch | marko por stifto-truo | marko por stiftotruo | marko por dubeltruo | značka pro výřez |
| 24 | r Abbund | pretigita trabo [por kunigo] | konstrupretaj traboj | trabar-kompleto | soubor prvků konstrukce |
| 25 | r Pfosten (r Stiel, e Säule) | fosto | fosto | fosto | sloupek (stojka) |
| 26 | r Zwischenriegel | steg-trabeto | stego | distanc-lato | proklad(ek) |
| 27 | e Strebe | ŝtrebo | ŝtrebo | ŝtrebo | vzpěra |
| 28 | r Haussockel | grund-muro | grundmuro | domsoklo | sokl domu |
| 29 | e Hauswand | dom-muro | dommuro | doma muro | zeď domu |



| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 30 | e Fensteröffnung | fenestra aperturo | fenestroaperturo | fenestra aperturo | okenní otvor |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 31 | e äußere Leibung | ekstera mur-rando de fenestra aperturo | ekstera rando de fenestroaperturo | ekstera embrazuro | vnější ostění |
| 32 | e innere Leibung | interna mur-rando de fenestroaperturo | interna rando de fenestroaperturo | interna embrazuro | vnitřní ostění |
| 33 | e Sohlbank (e äußere Fensterbank) | fenestra sojlo | fenestrosojlo, kubutilo | fenestra parapeto | okenní parapet, poprsník |
| 34 | r Ringanker | mur-krona trabo [portas la solivojn] | murkronaĵo | murkronaĵo, (en: *spandrel beam*) | ztužující / pozední věnec |
| 35 | s Rundholz | rond-ligno | rondligno | rondligno | kulatina |
| 36 | e Laufdielen | paŝ-dilo | paŝdilo | paŝdiloj | pochůzné fošny |
| 37 | s Aufzugseil | lev-ŝnuro | levŝnuro | levŝnuro | zdvižné lano |
| 38 | r Deckenbalken | solivo (plank-trabo) | solivo | solivo | stropní trám (stropnice) |
| 39 | r Wandbalken | murporta solivo | vandotrabo | subsepta trabo | trám pod příčkou |
| 40 | r Streichbalken | ĉemura trabo | tuŝtrabo | apudmura trabo | krajní trám |
| 41 | r Wechsel (r Wechselbalken) | kvertrabo | kvertrabo | vicbalko* | výměna |
| 42 | r Stichbalken | intertrabo | intertrabo | kurtsolivo* | krátče |
| 43 | r Zwischenboden (e Einschubdecke) | interplanko | interplanko | intersoliva bretaĵo | zapuštěný záklop |
| 44 | e Deckenfüllung aus Koksasche, Lehm… | interplanka izolaĵo | planka izolaĵo | intersoliva ŝutaĵo | násyp na záklopu |
| 45 | e Traglatte | interplanka port-lato | ŝultrolato | portlato | nosná lať (záklopu) |
| 46 | s Treppenloch | ŝtupar-aperturo | ŝtuparaperturo | aperturo por ŝtuparo | otvor pro schodiště |
| 47 | r Schornstein | kamen-tubo | kamentubo | kamentubo | komín |
| 48 | e Fachwerkwand | trabfak-muro | trabfaka muro | trabfaka vando | hrázděná stěna |
| 49 | e Schwelle | ‹trabfak-mura› subtrabo | soklo\|ŝpalo, mur~ | mur-ŝpalo | ližina |
| 50 | e Saumschwelle | transversa subtrabo | sojloŝpalo | sojla trabo | patrový práh |
| 51 | r Fensterstiel, r Zwischenstiel | fenestra fosto | fenestra fosto | fenestra fosto | okenní sloupek |
| 52 | r Eckstiel | angul-fosto | angulfosto | angula fosto | nárožní sloupek |
| 53 | r Bundstiel | lig-fosto | ligofosto | ligostango (por ankri septon) | svislá výztuha pro příčku |
| 54 | e Strebe mit Versatz | ŝtrebo kun fortiga kunmetaĵo | ŝtrebo kun tenonaj-mortezaj juntoj | tenonumita ŝtrebo | vzpěra se začepováním |
| 55 | r Zwischenriegel | stego | stego | meza girto* | mezilehlý paždík |
| 56 | r Brüstungsriegel | fenestra subtrabo | parapeta girto | parapeta girto* | parapetní paždík |
| 57 | r Fensterriegel (r Sturzriegel) | fenestra lintelo | lintela girto | lintela girto* | nadokenní paždík |
| 58 | s Rähm, m Rahmen (s Rähmholz) | ‹trabfak-mura› surtrabo | krontrabo | vando-ŝpalo | ližina |
| 59 | s ausgemauerte Fach | mason-fermita fako | plenmasonita fako | [en]masonita fako | vyzděná příhrada |
| --- | **s Handwerkszeug des Zimmerers** | **ĉarpentista ilaro** | **ĉarpentiloj** | **ĉarpentista ilaro** | **tesařské nástroje** |
| 60 | r Fuchsschwanz | trapeza segilo (‚vulpa vosto ͵) | vostosegilo, trapeza segilo | trapeza segilo | ocaska |
| 61 | e Handsäge | steg-frama segilo | braksegilo | frama segilo | rámová pila |
| 62 | s Sägeblatt | segil-klingo | segilklingo | segilklingo | pilový list |
| 63 | e Lochsäge | tru-segilo | trusegilo | trusegilo | prořezávací pila |
| 64 | r Hobel | rabotilo | rabotilo | rabotilo | hoblík |
| 65 | r Stangenbohrer | borilego | stangoborilo | borilo | vrták (nebozez) |
| 66 | e Schraubzwinge | ŝraŭb-krampo | ŝraŭbkrampo | ŝraŭbopremilo | svěrka |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 67 | s Klopfholz | maleo | maleo | maleo | palice |
| 68 | e Bund\|säge, Zug~ | du-homa segilo | duhoma segilo | dumana segilo | dvouruční pila |
| 69 | r Anreißwinkel | strek-ortilo | strek-ortilo | desegnista ortilo | úhelník |
| 70 | s Breitbeil | larĝ-hakilo | adzo | larĝhakilo | širočina |
| 71 | m Stechbeitel | ĉizilo | ĉizilo | ĉizilo | (ploché) dláto |
| 72 | e Bundaxt (e Stoßaxt) | mortez-hakilo | mortezhakilo | mortezilo | dlátovka |
| 73 | e Axt | hakilo | hakilo | hakilo | tesařská sekera |
| 74 | r Zimmermanns-hammer | ĉarpentista martelo | ĉarpentista martelo | ĉarpentista martelo | tesařské kladívko |
| 75 | e Nagelklaue | najlo-tirilo | najlotirilo | najlotirilo | vytahovač hřebíků |
| 76 | r Zollstock (s Metermaß) | faldebla mezurilo | faldmezurilo | faldmezurilo | skládací metr |
| 77 | r Zimmermanns-bleistift | ĉarpentista krajono | ĉarpentista krajono | ĉarpentista krajono | tesařská tužka |
| 78 | r Eisenwinkel | fera ortilo | fera ortilo | ŝtala ortilo | ocelový úhelník |
| 79 | s Zugmesser | tir-tranĉilo | tirtranĉilo | tirtranĉilo | poříz |
| 80 | r Span | splito | splito | splito | tříska |
| 81 | e Gehrungsschmiege (e Stellschmiege) | alĝustigebla angulilo | alĝustigebla angulilo, angulkopiilo | alĝustigebla angulilo | stavitelný úhelník |
| 82 | r Gehrungswinkel (s Gehrungsmaß) | angulilo por ortaj ligno-kunigoj | duonortilo | gera angulilo | pokosník |
| **---** | **e Bauhölzer** | **konstru-lignoj** | **konstrulignoj** | **konstruligno** | **stavební dřevo** |
| 83 | r Rundstamm | rond-trunko | rondotrunko | trunko, rondligno | kuláč |
| 84 | s Kernholz | durameno (kern-ligno) | kernligno | kernoligno | jádrové dřevo, jádro |
| 85 | s Splinholz | alburno (suk-ligno) | alburno, sukligno | alburno, sukligno | bělové dřevo, běl |
| 86 | e Rinde | arbo-ŝelo | arboŝelo | (arbo)ŝelo | kůra |
| 87 | s Ganzholz | rond-ligno | plentrunka ligno | plentrunka ligno | plný trám |
| 88 | s Halbholz | duon-trunka ligno | duontrunka ligno | duontrunka ligno | polotrám |
| 89 | e Wald\|kante (Fehl~, Baum~) | mank-rando | ronda (natura) rando | trunk-rondaĵo | oblina, hrana klády |
| 90 | s Kreuzholz | kvaron-trunka ligno | kvarontrunka ligno | kvarontrunka ligno | křížové řezivo |
| 91 | s Brett | tabulo | tabulo | breto | prkno |
| 92 | s Hirnholz | tabul-fina ligno | fronto, kvertranĉo, finfaco | segfronta ligno | dřevo řezané napříč vlákny |
| 93 | s Herzbrett | duramena tabulo | kerntabulo | kernobreto | prkno z jádra |
| 94 | s ungesäumte Brett | tabulo kun nesegitaj randoj | nerandumita tabulo | seneĝa breto | neomítané prkno |
| 95 | s gesäumte Brett | rand-segita tabulo | randumita tabulo | eĝosegita breto | omítané prkno |
| 96 | e Schwarte (r Schwartling) | trunk-rando | randtabulo | trunkrando | krajina |

**Rezonado de WE** rilate al kelkaj terminoj, por ke ilia kompreno estu neambigua.

**7 Dachstuhl**. La nocio en Eo ne havas kodigitan nomon, provizore ĝi estas priskribata kiel „tegmenta trabaro“ aŭ „tegmenta ĉarpentaĵo“. Tiu ĉi memstara konstrukto estas esenca parto de domkonstruo kaj meritas unuvortan nomon, ĉar derivaĵoj de tiu nomo, minimume adjektivo, estas necesaj. Konsciu ankaŭ, ke tiu konstrukto ne estas tegmento mem, nek ties parto. La konstrukto portas la supran tegmentan mantelon. KF-anoj, pripensu la problemon kaj proponu nomon. Mi la aferon pripensis kaj la nomon proponis tradukante la enkondukan tekston por la Jarkolekto de TAKE 2010, paĝo 6 (ĉevro). La propono aperas ankaŭ en ĉi KF en la temo 42 – Duden 273 sub la numero 7 (*Dachstuhl*). – La propono de J. Horváth „tegmenta truso“ ne estas aplikebla, ĉar truso estas unuavice speciala sistemo, ne konkreta konstrukto. Kiel „tegmenta truso“ ĝi estas uzebla maksimume por tiu parto de tegmenta trabaro, kiu estas angle nomata *main couple*, *principal rafter*, *roof truss* (plena subĉevrona profilaĵo kune kun fostoj, ŝtreboj, binda trabo kaj fosta-patnaj stegoj).

**8 Richtbaum mit der Richtkrone**. Per la arbeto masonistoj kaj ĉarpentistoj tradicie al la investisto kaj al mastro-dunganto anoncas la finpretigon de la vorko, la elkonstruon de kruda (masonita) domo aŭ de finmuntita tegementa trabaro. La arbeto ofte estas iel ornamita, ankaŭ per florkrono. Ni preferu nomon sen la vortoj firsto kaj ĉarpentaĵo, por ke ĝi estu uzebla ankaŭ flanke de masonistoj. La arbeto (malpli ofte nura fosto kun florkrono) „kronas“ la faritan laboron, la nomo «kronarbeto» povas esti komprenata ankaŭ metafore – ĝi kronas la metiistan lerton kaj kapablon.

**26 Zwischenriegel**. En la germana termino aperas la prepozicia prefikso *zwischen* prave, sed la ĉefa vort-elemento *Riegel* ŝajnas esti mistifika. *Riegel* – riglilo – en la stako de bretoj ne riglas. Ĝia primara tasko estas disigi unuopajn tavolojn kaj tiel la lignon liberigi por aerumado, sekigo, por malpermesi vegetadon de ŝimo. La sekundara tasko estas transverse ligi – bindi – la lignotavolojn en la staka figuro. Verŝajne ĝuste tiu funkcio motivis la nomon *Riegel*. (Aŭ temas pri *Riegel* apartenanta al la trabara kompleto videbla en la bildo kaj nur hazarde uzita por la aeruma funkcio.) Sed en Eo la intermetitaj **latoj** (vidu n-ron 10 en la bildkomplekso 273) nepre ne estas stegoj, ĉar la difino de stego, precipe de la ekzemploj donitaj en PIV, ne respondas al *Zwischenriegel*. La intermetitan lignopecon ni povus nomi simple «intermetaĵo», sed pli kompreniga estas «distanc-lato» (distanciga lato). Konsciu, ke stego kunligas kaj fiksas du flankojn de objekto per siaj ekstremoj, stego ne estas distancilo funkcianta per sia dikeco. (La termino „distancilo“ en *Betonterminaro* estas tie difinita sub n-ro 163.)

**31, 32 Leibung**, angle *jamb*, ne eblas nomi simple rando (rando de aperturo, aŭ murrando), ĉar en Esperanto ĝi jam havas sian fakan nomon elpruntitan el la franca lingvo (*embrasure*): embrazuro. Mi uzas ĉi okazon por atentigi, ke E. D. Krause en sia Granda de-eo vortaro (2007) la terminon *Leibung* tradukis mise kiel intradoso.

**43 Zwischenboden** – kalkee „interplanko“, tiel aplikita de EI kaj HO. Sed *Zwischenboden* nepre ne estas planko kaj la proponita nomo estas nekonvena. La objekto (*Zwischenboden*) metita sur solivojn estas nomata *Fehlboden* kaj povas servi kiel planko. Sed *Boden* malaltigita inter solivojn kiel planko jam ne povas servi. Temas ja pri mallongaj diloj aŭ bretoj, kiuj portas sekvantajn tavolojn de la tekto kaj planko, kiuj izolas kontraŭ malvarmo, bruo, fajro en la sistemo de specifa konstrukto nomata „ligna tekto“.

**70 Breitbeil** estas *Beil* (hakilo) karakteriza per la dimensio *breit* (larĝo): larĝa hakilo, kiel termino larĝhakilo. Nepre ne adzo, kiu havas klingon turnitan je 90°.

**82 Gehrungswinkel** estas substantivo derivita de la verbo *gehren*, kies signifo estas: segi kunligotajn lignopecojn transverse oblikve (plej ofte sub 45°-a angulo) por povi ilin denove kunligi, sed sub nerekta angulo, plejofte ortangule. *Gehren* = geri. La radiko ger’ devas en la esperanta termino aperi (gera angulilo).

## Postskribo al la 25-a KF-letero

La temon 37 (termino 17) sur la paĝo 164 mi kompletigas per la apuda figuro, kiu montras lignan kaj ŝtalan **ramdilojn**. La diko de la ligna ramdilo estas 10-16 cm, la larĝo 16-28 cm. Ĝia kapo estas firmigita per ŝtala ringo, la piedo per kojna ŝtala pinto. Ŝtalaj ramdiloj (*Larsen*, *Beval* k.a.) havas folditajn randojn por fermi la junton kontraŭ akvo.




Nun pri la taskoj por la monatoj novembro kaj decembro 2010. Mi bedaŭras, ke miaj KF-leteroj fariĝas pli kaj pli monologaj dokumentoj. Mi petas pri viaj reagoj. Mi atendas, ke vi: **1.** kritikos la lastan *Jarkolekton de TAKE*; **2.** al Fabien van Mook ofertos temon de via artikolo por la jarkolekto 2011; **3.** esprimos vin pri la terminologia temo 36 Fluato; **4.** pri la temo 37 Duden 272 (p. 164-165); **5.** pri la temo 38 Traverso – longverso; **6.** pri la temo 39 Distingi dom-angulojn; **7.** pri la temo 40 Ladista foldo aŭ faldo; **8.** pri la temo 41 Segligno; **9.** pri la temo 42 Duden 273, kiu traktas ĉarpentistan metion.

Mi scias, ke da taskoj estas multe, sed mi estas konvinkita, ke pli ol la problemo de libera tempo gravas la persona agopreteco kaj bona volo helpi al la komuna afero.

**Bonvolu viajn kontribuojn sendi al mi antaŭ la fino de la jaro 2010.**

Ĉar la jaro 2010 estas preskaŭ finiĝanta, mi dankas al ĉiu por la kunlaboro en la serioza penado de nia negranda kolektivo. Por la venota jaro mi deziras al vi sanon, prosperon kaj ne lastvice bonvolon partopreni en la agado de Konstru-Forumo.

Brno 2010-11-10 *Jan Werner*